# BONAERA VOĈO

Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

Sabato, la 26-an de julio 2014 N-ro 1

## Ĝuu kaj la urbon kaj la UK-on!

*Bonaera Voĉo* bonvenigas ĉiujn kongresanojn! Ĝi aperos ĉiutage, kiel tradicie, kaj kvankam ĝi havos redaktoron plentempe dediĉitan al la laboro ĝin redakti, la kontribuoj de la kongresanoj estas nepre necesaj por sukcesa kuriero. Raportoj pri kunvenoj, sciigoj pri ŝanĝoj en iu programero, recenzoj pri UK-programeroj, kongresaj rakontoj kaj anekdotoj, fotoj ktp estas bonvenaj.

Bv. sendi vian kontribuon al: redakcio@revuoesperanto.org.

La redakcio kreos ĉe Google specialajn demandarojn, kiuj estos diskonigataj siatempe. Ili helpos vin kunlabori ne nur kun nia kuriero sed ankaŭ kun la revuo *Esperanto*.

## Helpu informi pri la UK

UK, la plej granda evento de nia komunumo, donas bonegan okazon kapti la atenton de la gazetaro en diversaj landoj kaj lingvoj. La Gazetara Kampanjo pri la ĉi-jara UK realiĝas per la kunlaboro kaj agado de unuopaj e-istoj tra la mondo. Per facila ago ĉiu povas senpage aperigi artikolojn pri E-o en ĵurnaloj, revuoj, televido, radio, sociaj retoj kaj blogoj de sia regiono. Okazos laborgrupo pri tio en la UEA-seminario pri Konsciigo lunde, de la 10h15 ĝis la 12h00. Ĝi donos praktikajn konsilojn kaj ekzemplojn por utiligo dum- kaj postkongrese. Sekvu la progreson de la kampanjo kaj trovu raportojn kaj filmeton kun klarigoj ĉe www.gazetaro.org.

Emilio Cid – KN 347

**HODIAŬ**

## Partoprenu la Movadan Foiron

La Movada Foiro okazos hodiaŭ en la kunsidejo ĉe la 1-a etaĝo de la hotelo Novotel (Av. Corrientes 1334). Ĝi estas je piedira distanco (proks. 600m) de la ĉefa kongresejo Panamericano. La aranĝo komenciĝos je la 19h00.

## Biletoj por Salono Zamenhof

Kune kun la kongresaj dokumentoj, la kongresanoj ricevas specialajn enirbiletojn por ĉiu aparta programero en salono Zamenhof (Teatro Metropolitan, Av. Corrientes 1343): Solena Inaŭguro (dimanĉo), Nacia Vespero (lundo), Koncertoj vespere (mardo) kaj Solena Fermo (2-a sabato). Tiuj biletoj estas la solaj rajtigiloj por eniri la salonon. Bv. konservi kaj nepre kunporti irante al salono Zamenhof.

## Via nomŝildo estu videbla la tutan tempon

Interalie pro sekurecaj kialoj, ĉiu kongresano devas kunporti sian nomŝildon videble dum la tuta tempo ene de la kongresejo. Kontroloj okazos kaj homoj sen nomŝildo estos petataj forlasi la kongresejon. Okaze de fraŭdado per nomŝildo, ĝi estos konfiskita kaj la koncerna kongresano ne plu rajtos partopreni la kongresajn aktivaĵojn.

**ŜANĜOJ**

## Nacia Vespero: lundo. Koncertoj: mardo

La komencohoroj de la Nacia Vespero en lundo kaj la koncertoj en mardo, estas aliaj ol tiuj indikitaj en la Kongresa Libro. La ĝustaj horoj estas tiuj indikitaj sur la biletoj, nome:

Nacia Vespero, lundo, 20h50 (Zamenhof)
Koncertoj, mardo, 21h00 (Zamenhof)

## Bankedo kaj kongresa balo en dimanĉo

Male ol anoncite en la Dua Bulteno kaj kutime en la UK-oj, ĉi-jare la Bankedo (nur por tiuj, kiuj aĉetis la bileton) kaj la Kongresa Balo (malfermita al ĉiuj kongresanoj) okazos en la dimanĉa vespero. Ambaŭ okazos en la salono Lapenna, hotelo Panamericano.

## La Nacia Vespero okazos lunde

En tiu ĉi UK, la Nacia Vespero okazos lunde — ne dimanĉe, kiel kutime! — En salono Zamenhof, je la 20h50, kiel indikite sur la enirbileto.

## SPECIALAJ PROGRAMEROJ

### Ekumena Diservo en dimanĉo

La ekumena diservo okazos en la "Capilla San Roque de la Basílica San Francisco de Asis" (historia nacia monumento) dimanĉon la 27-an je la 15h00. Adreso: Adolfo Alsina 380 (Placo de Majo). Oni kune ekpiediros de la kongresejo je la 14h00. Sekvos trarigardo de la baziliko.

Marija Belošević, KN 372

### Laŭ la spuroj de Tibor Sekelj

Inter marto kaj aprilo 2005 Josip File kaj Stipan Milodanović veturis tra 20.000 km de la sudamerika kontinento vizitante la lokojn, kie Tibor Sekelj esploravojaĝis antaŭ 70 jaroj. Pli ol 50 horoj da videomaterialo kaj proksimume 3.500 fotojn rezultigis 92-minutan filmon *Laŭ la spuroj de Tibor Sekelj*, kiu estis montrita en la serba televido. Spektu ĝin kun subtitoloj en E-o ĵaŭde je la 16h30 en salono Frank.

## SALUTOJ

### Salutas Asocio de Beninaj Esperantistoj

"Karaj gekongresanoj, UK estas neforgesinda evento dum kiu diverskredaj e-tistoj el ĉiuj mondopartoj pripensas la estontecon de la Internacia lingvo. Mi esperas, ke el ĝi rezultos pozitivaj ideoj, sugestoj, decidoj kaj rezolucioj ne nur favore al E-o en riĉaj landoj sed ankaŭ en la Tria Mondo, ĉefe en Afriko, kiu sopiras pri akceptado de UK. Varmkorajn salutojn el Benino, kiu ĵus gastigis la 5-an Afrikan Kongreson de Esperanto kaj kies landa asocio estis kunorganizinto. Sukcesplenan antaŭjubilean kongreson!"

Latifou Gbadamassi, prez. de ABeE, komitatano A

### La bebo de la Bonaera UK

Nia plej novbakita denaskulo estas Heide Isabel, kiu naskiĝis en 23 julio 2014 (18h07) kun 3.415g. Ni salutas la feliĉajn gepatrojn, komitataninon Mallely Martinez kaj la Ĝen. Sek. de UEA, Martin Schäffer.

## RAPORTOJ

### ILEI-konferenco: tre bone en Montevideo

La 47-an ILEI-konferencon partoprenis 74 homoj el 26 landoj. Inter ili, Stefan MacGill kaj Mark Fettes, respektive la vicprezidanto kaj prezidanto de UEA, kaj la prezidanto de la Akademio, Christer Kiselman. La urbestro de Montevideo kaj la Unesko-reprezentanto ĉeestis la malfermon.

La Komitato atingis la kvorumon kaj i.a. ĝi decidis: elekti 2 novajn honorajn membrojn: (forpasintan) Helmar Frank kaj Rob Moerbeek; akcepti 4 novajn sekciojn: Irano, Hispanio, Kongo RDC kaj Bulgario; *Juna Amiko* saltas de 3 al 4 n-roj jare ekde 2015. Krome ĝ i aprobis la financan jarkalkulon, la buĝeton kaj la raporton pri tutjara aktivado. Simpozio okazis ĵaŭde kaj komisiono redaktis rezolucion.

Legu pli en la septembra n-ro de *Esperanto*.

Mireille Grosjean, KN 128

### Elreliĝo ĉe la nuboj

24 bravuloj revenis hieraŭ el 10-taga ekskurso tra tri nordaj provincoj de Argentino.

En la nordokcidentaj Salta kaj Jujuy ni admiris i.a. muzeon pri montopinta indiana funebra arto kaj vizitis diversajn indianajn komunumojn el la etno *kolla*, iama suda nacio de la Inkaa Imperio. Ni faris trukfotojn sur subĉiela natura salminejo. Gigantaj kaktoj atestis nian vojaĝon sur serpentuma ŝoseo inter buntaj riĉmineralaj montoj. Apartan aventuron prezentis la Trajno al la Nuboj (pli ol 4 000m alte), ĉe kiu post proksimume tri kvaronoj de ĝia 217-kilometra itinero elreliĝis kvar vagonoj meze de tunelo! La 450 pasaĝeroj devis esti evakuitaj kaj savitaj de i.a. la armeo dum sep horoj. Neniu vundiĝis sed la emocioj spertitaj restos longe en niaj memoroj. La registaro de Salta-provinco nuligis la permeson de la privata kompanio kiu ekspluatas la popularan trajnservon kaj tiu ĉi redonis la monon al la pasaĝeroj. Esperantistoj estis do en la lasta trajnvojaĝo de la sezono, kiu kutime finiĝas en oktobro.

La kvar lastajn tagojn ni konatiĝis kun la akvofaloj sur ambaŭ naciaj parkoj Igvazuo, argentina kaj brazila. Pluvo akompanis niajn vizitojn al muzeo de lignoskulptaĵoj faritaj de iama lokano Rodolfo Allou, nevo-nepo de Jules Verne, kaj al resanigejo de bestoj savitaj de akcidentoj aŭ bestoŝakrado.

Ni spertis la etnan kaj pejzaĝan diversecon de Argentino dank' al niaj kleraj ĉiĉeronoj Claudio (Salta kaj Jujuy) kaj Aleksandro (Misiones); tiu ĉi estas brazilano kies e-ista patrino donis al li E-an nomon). Volonte mi interpretis iliajn klarigojn al Esperanto.

Francisco L. Veuthey, KN 84



BONAERA VOĈO. Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto.
Redaktoroj: Fabrício Valle kaj (ĉi-numere) Francisco Veuthey, kiu ankaŭ enpaĝigis.
Adreso: redakcio@revuoesperanto.

# BONAERA VOĈO

Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

Lundo, la 28an de julio 2014 N-ro 2

## Mesaĝo de Louis C. Zaleski-Zamenhof al la 99-a UK en Bonaero

Sinjoro Prezidanto, Estimataj Gesinjoroj, Karaj Geamikoj,

Vi alvenis el diversaj, malproksimaj landoj al la bela urbo de BUENOS AIRES, la ĉi-semajna ĉefurbo de Esperantujo, por kongresi kaj trovi respondon al la kongresa demando: "Ĉu la nepoj nin benos?"

Fakte, vi ŝatus trovi ne nur la respondon sed ankaŭ la solvon, por ke ili efektive nin benu! Mi mem estas nepo, sian Avon benanta – do, ĉe la Avo la rimedon mi serĉas. Tiun rimedon mi ĵus trovis en poemo Lia:

Obstine antaŭen! La nepoj vin benos
se vi pacience eltenos.....
...rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
ni iru la vojon celitan...

Liaj vortoj, esprimitaj antaŭ almenaŭ jarcento, daŭre estas validaj. La nepoj nin benos, se, danke al nia kontribuo, ili vivos en mondo, kiu neniam plu konos militojn, en mondo de interkompreno kaj de reciproka toleremo, mondo de amikeco, mondo en kiu la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian. Mi deziras al vi ĉiuj – kaj same al mi mem – tre sukcesan kongreson!

La Nepo

**ŜANĜOJ**

## Laborgrupo

La Kongresa Libro (p. 38) enhavas eraran informon pri la UEA-seminario pri Konsciigo, kie aperas anonco pri laborgrupo gvidota de Fabio Monteiro. Fakte temas pri **Laborgrupo 2**: Gazetara agado lige kun UK – spertoj kaj konsiloj (Emilio Cid). La plej granda Esperanto-evento ĉiujare donas bonegan okazon por kapti la atenton de la gazetaro. La laborgrupo donos praktikajn konsilojn kaj ekzemplojn por utiligi dum- kaj postkongrese.

## Nova Honora Membro de UEA

En sia unua kunsido sabate la Komitato de UEA elektis la eminentan brazilan esperantiston Gersi Bays (1934) kiel Honoran Membron de UEA. S-ro Bays eklernis Esperanton en 1947 per germanlingva gramatiko, trovita en la lerneja biblioteko. Li estas membro de UEA ekde 1952 kaj dumviva membro ekde 1978. En 1980 li fondis la eldonejon Fonto, kiu fariĝis unu el la plej gravaj eldonejoj en la historio de Esperanto. Ĝi aperigis plurajn dekojn da libroj en Esperanto, originalaj kaj tradukitaj, i.a. kvar verkojn en la Serio Oriento-Okcidento de UEA (*La Luzidoj* de Luís Vaz de Camões; *Cent jaroj da soleco de* Gabriel García Marquez; *Antologio latina 1-2*, komp. G. Berveling; *Leteroj de Paŭlo kaj lia Skolo*). Bays verkis ankaŭ mem originalan romanon, *La profeto el Pedras* (2001). De 1980 ĝis 2006 li eldonis la beletran revuon *Fonto*, de kiu aperis 312 numeroj. Ekde 1990 *Fonto* publikigis la verkojn premiitajn en la Belartaj Konkursoj. Bays estis administranto-kompostanto de *Scienca Revuo* en 1978, administranto-eldonanto de la filozofia revuo *Simpozio* (20 numeroj 1983-1992), kaj kunlaboranto de *Monato* ekde 1980. Li estis akademiano de 2001 ĝis 2010. En 1996 lia eldonejo Fonto ricevis la FAME-kulturpremion.

**EL LA REDAKCIO**

Se vi volas aperigi ion en la kongresa kuriero, sendu mesaĝon al redakcio@revuoesperanto.org aŭ afiŝu ĝis la 13h00 mesaĝon sur la tabulo ĉe la “Informejo” en la subetaĝo.

---

Viaj fotoj estas bonvenaj. Sendu ilin al redakcio@revuoesperanto.org kun mallonga priskribo. La temoj estas “prelegoj”, “laborgrupoj”, “koridoroj”, “promenado”, “Bonaero”, “homoj” ktp. Eĉ se via(j) foto(j) ne aperos en la revuo *Esperanto* aŭ en la *Bonaera Voĉo*, ili aperos en Facebook-paĝo de nia revuo.

## HODIAŬ

## Kleriga lundo

Ni venas al kongresoj ankaŭ por interŝanĝi niajn spertojn, lerni novajn aferojn, transdoni niajn ideojn al aliaj. Jen la celo de la Kleriga Lundo. Claude Nourmont ĝentile sendis al ni resumon de la aktivaĵoj:

### Salono A

**Mastrumi sian tempo** *10h15 – 11h45*
*Dalia Pileckienė*
Homoj ofte prononcas tiajn frazojn: "mi ne havas tempon", "mi emus plenumi pliajn taskojn, tamen mankas al mi la tempo" ktp. La fenomenon "mankas tempo" oni nomas socia malsano de la nuntempa vivo. Ĉu la plimulto de ni malsanas? Ni provos respondi al tiu demando kune dum praktika prelegeto-seminario.

**Kaligrafio** *12.00-13.30*
*HORI Jasuo*
Kaligrafio estas arto fama en la orienta Azio. En tiu ĉi kunsido vi povos skribi japanajn literojn per peniko kaj inko, kaj tiu kaligrafiaĵo estos bona memoraĵo de la UK en Argentino.

**Bibliotekemuloj** *13h45 – 15h15*
Por komuna katalogo: krei komunan katalogon por la bibliotekoj, kiuj havas esperantlingvajn kolektojn estas nuntempe traktenda afero.

### Salono B

**Klerigaj Ludoj** *10h15 – 11h45*
*Ana Montesinos*
Ĉu diversaj landoj, kulturoj kaj kutimoj allogas vin? Se jes, ne maltrafu veni al la Klerigaj Ludoj por ion novan malkovri ĝuante kun ni.

**Tradukado multlingva** *12h00 –13h30*
*Brian Moon*
Ĉar ni ne uzas nian lingvon en glora izoliĝo disde la cetera mondo, ĉiu uzanto de Esperanto pli-malpli ofte konfrontiĝas kun problemoj de tradukado inter Esperanto kaj naciaj lingvoj. Por reliefigi la interlingvajn problemojn el iom alia perspektivo, mi proponas konsideri la situacion en multlingvaj organizaĵoj kiel Eŭropa Unio. Sur bazo de praktika tradukado de specimena teksto jam ekzistanta en diversaj lingvoj, ni iom esploros la avantaĝojn kaj la problemojn de Esperanto en tiu ĉi kampo.

**Kunkreu elsendon por Muzaiko!** *13h45 – 15h15*
Muzaiko (www.muzaiko.info) estas tutmojosa retradio-kanalo, kiu ludas muzikon, novaĵojn, informojn, raportojn, arkivaĵojn kaj multe pli! Ĉu vi havas ion por diri al la tuta mondo? Dum la sesio jam spertaj kontribuantoj de Muzaiko helpos vin lerni kiel. Oni eĉ kreos veran elsendon, laŭtlegos tekstojn. Venu por spertiĝi kaj krei! Se eblas, kunportu al la sesio komputilon, kapaŭskultilon kaj registrilon.

### Salono C

**Kantu kun Manŭel** *10h15-11h45 / 13h45 - 15h15*
*Manŭel*
Manŭel proponas internacie famkonatajn kantojn de li esperantigitajn, por ilin kune kanti helpe de profesiaj muzikaj bazoj kaj video-tekstoj. La kantoj taŭgas por ĉiunivelaj lingvokonoj: ankaŭ la komencantoj havos ŝancon facile kompreni la tekstojn, komenti, paroli kaj kanti en ĝoja etoso.

**Amuza lundo** *12h00 - 13h30*
*Mirejo Grosjean*
Interkulturaj travivaĵoj. Sen longaj paroladoj de gvidanto. Kun viglaj diskutoj inter la partoprenantoj. Kun moviĝo kaj multaj ridoj.

## DIVERSAĴOJ

## Al la verkistoj!

Se vi, kiel verkisto partoprenanta la Bonaeran UK-on, ŝatus prezenti vian verkistan laboron kaj E-eldonaĵojn, bv. kontakti la estraranon de UEA Barbara Pietrzak (pietrzak@wa.onet.pl) por aranĝi la teknikajn aspektojn de via aŭtora duonhoro en la Libroservo de la 99-a UK.

*Barbara Pietrzak, KN60*

## Helpu la Bonaeran E-Bibliotekon

Ni antaŭdankas pro via donaco por la biblioteko de Bonaera Esperanto-Asocio! Bonvolu aĉeti libron ĉe la UEA-libroservo kaj lasi ĝin en iu specifa skatolo por tiu celo.

## Belan sorĉon

Mia samĉambrano ekzercas sian voĉon pri la himno kaj mi klare kaptas fragmentojn: “Kompreneble unu la alian”, “la belan sorĉon de l’ homaro”... Bonvolu malmemori!

*Anonimulo*


**BONAERA VOĈO. Kongresa kuriero de la 99a Universala Kongreso de Esperanto.**
Redaktoro: Fabrício Valle — Enpaĝigisto: José R. Tenorio.
Adreso: redakcio@revuoesperanto.org

# BONAERA  VOĈO

Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

Mardo, la 29an de julio 2014 N-ro 3


## Ĝis tie, kie ni ne maltrafu la esperon!

Citante argentinan verkiston en lia salut-parolado, la sub-sekretario pri edukado de Bonaero, Carlos Regazzoni, bonvenigis la esperantistojn nome de la urbestro Mauricio Macri: "Se oni demandas nin ĝis kie ni devas iri, la respondo estas: "ĝis kie ni ne maltrafu la esperon". Nu, la solena malfermo renovigis la esperon de ĉiuj esperantistoj, ĉar ĝi, kiel ĉiam okazas, alportis pozitivajn vortojn kaj de la E-gvidantoj ĉe la tablo kaj de la ĉeestantaj aŭtoritatuloj.

Siaflanke, Mark Fettes, la prezidanto de UEA en sia festparolado citis el la epopeo de José Hernández el 1872, Martin Fierro por enkonduki la kongres-temon. La tuta teksto de la festparolado de la prezidanto de UEA disponeblas ĉe http://pt.slideshare.net/revuo_esperanto/festparolado-mark-fettes.

Grava salutletero por esperantistoj venis el Herzberg. La urbestro de la Esperanto-urbo, Gerhard Walter, daŭre apogas Esperanton kaj invitas la esperantistojn viziti la urbon.

Pluraj aliaj homoj salutis, interalie la reĝisoro de la kongresa temo Rafael Zerbetto. Ĝuste pri la kongresa temo ni traktos en la 4a numero de la *Bonaera Voĉo*.

## Herberg Salutas!

*Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo, Germanio*
*La urbestro - 24.07.2014*

*Al la partoprenantaro de la 99a Universala Kongreso de Esperanto en Argentino.*

*Korajn salutojn al Argentino!*

*Je la nomo de nia urbo konsilantaro kaj de la administracio mi deziras al la partoprenantaro agrablan kaj sukcesan kongresemajnon. Kvankam persone ni ne povas ĉeesti, tamen ni kunfestas per Esperanto-agadoj en Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo la 26-an de julio 2014 (Monda Esperanto-Tago).*

*Ankaŭ ni kontribuas al la kongresa temo per nia strebado publike prezenti Esperanton en la urbo kaj krei ion daŭripovan por la estonteco. Mi invitas vin viziti la urbon kaj rigardi la ĝisnunajn rezultojn.*
*Bonvenon!*

*Kore salutas,*
*Gerhard Walter Urbestro.*

## ŜANĜOJ

**Monologo Tiradentes**
16h30 - 18h00, salono Frank
*(La prelego pri Argentino 4 ne okazos)*

**Prelego "Orbo"**
13h30 - 14h30, salono Borovecki

Ĉu vi jam vidis makulojn sur viaj fotoj? Ĉu vi iam demandis kio estas tio? Venu kaj faru interesan vojaĝon kaj ni kune provos respondi ĉi tiujn demandojn. Bonvolu nepre kunporti viajn fotilojn.

*Joaquin Rosillo Vega Acosta KN 363e.*

## RAPORTOJ

### Bibliotekemuloj kunvenis

Sub la gvidado de Claude Nourmont (KN 185) kaj de Néia Lúcia (KN 420 ) kunvenis 15 bibliotekemuloj (profesiuloj kaj amatoroj).
La ĉefa celo estis prezento de la nuna situacio de E-bibliotekoj tra la mondo kaj samtempe elmontri la eblojn pri la liberaj sofvaroj por fukciado de komuna katalogo. Malneto de labor-plano kaj estontaj paŝoj estis traktitaj. Se vi interesiĝas pri la temo, bonvolu kontakti la bibliotekistinon Néia Lúcia (neialuciasouza@gmail.com)

## Renkontiĝo kun radioaŭskultantoj

En la interreta epoko ŝajnas, ke apenaŭ ekzistas izolitaj esperantistoj. Tamen daŭre okazas, ke iuj esperantistoj vivas izolite for de pli granda lingvo-komuno, t.e. grupo kaj klubo. Ne ĉiam pro la fakto, ke tia grupo aŭ klubo ne ekzistas, sed fojfoje pro la fakto, ke oni ne atentas en ĝi pri la lingvouzo. Al ili aparte, sed evidente al la tuta E-lingva komunumo servas la E-lingvaj radioelsendoj kaj podkastoj, kiuj ebligas ĉiutagan aventuron kun la vivanta, parolata Esperanto. Venu por la renkontiĝo kun tiuj, kiujn pli ofte vi renkontas per radiondoj kaj sondokumentoj ol fizike. Amikaro de la Esperantlingva Radiofonio (AERA) atendas ĉiujn radioaŭskultantojn kaj radio-amikojn dum AERA-renkonto, marde la 29-an de julio je la 15-a horo en la salono Sekelj.

*Red. Barbara Pietrzak KN 60*
*Red. Maciej Jaskot KN 652*

## La Projekto Ĝemelaj Urboj

*Mardo 17h, salono Borovecki*

La projekto Ĝemelaj Urboj de 12 jaroj stimulas pere de Esperanto amikiĝon inter diverslandaj urboj, komunumoj, vilaĝoj kaj eĉ lernejoj. Ĝi ne celas rekte engaĝi aŭtoritatojn, sed ordinarajn homojn, mezajn esperantistojn, kiuj en tiuj ĝemeliĝoj povas roli kiel ponto aŭ partneraj kontaktopersonoj. Post la lanĉo de la projekto kaj ĝia "Informilo de Ĝemelaj Urboj" – pri kiuj sindediĉe okupiĝas ekde la komenco s-ano Wu Guojing - okazis multo. Nun estas la momento fari novajn paŝojn konforme al la signifo, kiun kun la Projekto ligas la estraro de UEA.

Estrarano Barbara Pietrzak eksplikos la rolon kaj signifon de la projekto Ĝemelaj Urboj en la strategio de UEA. Pieter Engwirda, aktivulo de la projekto, montros kian rolon povas plenumi en ĝi Vikipedio. Nepre venu ne nur por informiĝi, sed ankaŭ kunlabore aliĝi al la nova fazo de la projekto.

*Pieter Engwirda KN 125*



## Laborgrupo 2: Faka agado per interreto

*Ĵaŭdo 10h15 – 12h, Sekelj*

Grandajn ŝancojn por revigligi la fakan agadon havigas la uzo de interreto, kiu permesas al ni kunlabori kun samfakuloj, samhobiuloj aŭ profesiaj kolegoj, kontakti samideajn homojn (i.a. laŭ religia kredo, ideologio ktp) kaj diskonigi Esperanton en apartaj sferoj de la homa aktivado. La laborgrupo konatiĝos kun kazoj kiel la Vikiaj projektoj (Vikipedio, Vikiversitato ktp), Scienca kaj Faka Agado ĉe TEJO, kaj la terminologia aspekto, por krei la bazon de nova konsilaro por fakaj asocioj.

José Antonio Vergara, KN 56

## Reenkarniĝo: vero aŭ fikcio?

*Borovecki, 12h*

Brazila Spiritisma Federacio kaj Asocio Lorenz invitas la kongresanojn por diskutrondo pri tiu ĉi alloga temo. Kunordigos Paulo Sérgio Viana kaj Maria Nazaré Larocca.

**DIVERSAĴOJ**

## LSG-anoj serĉataj!

Karaj anoj de la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (kaj ankaŭ tiuj, kiuj ankoraŭ ne aniĝis). Kvankam ĉi-jare ne okazas regula kunsido ni ja volas provi okazigi komunan vesperan ekskurson. Ni invitas do ĉiujn samseksamulojn (aŭ ambaŭseksamulojn kaj ĉiujn geamikojn) renkontiĝi marde vespere, la 29an de julio je la 18h15 ĉe la nigra sofo en la etaĝo nivelo 1, proksime al la salono Ergoto. Tie ni povos plani, ĉu kaj kion ni faru. Se vi havas pliajn demandojn turnu vin al Sebastian aŭ al Marco.

*Sebastian Kirf KN 664*

## Foresto

S-ro Edmon Jahiel, el la urbo Lyon, Francio, ekde 1957 partoprenis sinsekve en ĉiuj Universalaj Kongresoj, sume 57, sed ĉi-jare pro malsano li ne povis veni. Li telefonis al mi antaŭ kelkaj tagoj por deziri al ĉiuj kongresanoj spertoriĉan kongreson kaj ĝuindan etoson. Ni ĉiuj direktu al li dezirojn pri resaniĝo, por ke ni renkontu lin en Lille.

*Maria Aparecida Araújo KN 374*




**Redaktoro: Fabrício Valle — Enpaĝigisto: José R. Tenorio.**
**Adreso: redakcio@revuoesperanto.org**

# BONAERA VOĈO

Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

Ĵaŭdo, la 31an de julio 2014 N-ro 4

## Kulmino de la kongreso: internacia arta vespero

La programo de nia lasta vespero konstruiĝas iom post iom sub la severa gvido de Mireille Grosjean kiel kutime. Bunta programo kun dancoj, deklamoj, kantoj, instrumentaj muzikpecoj el tri kontinentoj prepariĝas sekrete en diversaj ĉambroj de la kongresejo. Do la vespero estos kaj arta kaj internacia. Artistoj provludas, prepariĝas, parkerigas sian tekston en granda streĉo. Nepre venu aplaŭdi ilin. Nepre kunportu vian fotilon, ĉar vi vidos spirhaltigan prezenton de famulo, kies nomon mi ne skribos ĉi tie. Se iu artisto malkovris tiun famulon al vi, li (aŭ ŝi) malobeis, ĉar mi malpermesis al ĉiuj paroli pri la enhavo de la programo. Nepre venu al la kongresejo, salono Lapenna, vendrede je la 19a horo precize.

*Mireille Grosjean, KN 128*

**ŜANĜOJ**

## Vendredo - Paroligaj Lecionoj

La Paroligaj Lecionoj K4 kun Edukado.net kaj la Ker-ekzameno (skriba) okazos en la salono Borovecki. La Paroligaj Lecionoj M4, PK, AIS 3-3 (Cramer) kaj KER-ekzameno (parola), okazos en salono Sonnenfeld.

**Vendredo - Yumeiho-terapio 2**

13h30-14h30, salono Hess

## Esperanto kontraŭ Armen-devena argentina teamo

Ni renkontiĝos ĉe la kongresejo (etaĝo -1) je la 18h40 por iri kune al la stadiono! La venkinta teamo ricevos kiel premion la *"Pokalo de la Internacia Amikeco"*, nome de CSANF

**Stadiono:** Polideportivo Colegiales, strato Freire 234, Bonaero

**Dato:** Ĵaŭde la 31an de julio, 20h30.

## Kongresa Temo

La diskutoj pri la kongresa temo permesis al la samideanoj lerni de fakuloj pri diversaj temoj ligitaj al daŭripoveco kaj samtempe kontribui en la debato per opinioj kaj demandoj. Multaj samideanoj aprobis la uzon de podiaj diskutoj en la tema programo. Ankaŭ en la UEA-seminarioj kaj kelkaj IKU-prelegoj la kongresa temo estis traktita. Speciala kontribuo venis de Alvaro Motta, kiu marde matene prelegis pri la limoj de ekonomia kreskado. Morgaŭx ne plu eblos kontribui por la kongresa rezolucio, tamen daure eblos lerni pri daŭripoveco kadre de IKU- kaj AIS-programo.

*Rafael Zerbetto, Reĝisoro de la kongresa temo, KN 146*

**PROGRAMEROJ**

## Aŭtora duonhoro

Ĵaŭde, la 31-an de julio en libroservo je la 12h00 okazos la aŭtora duonhoro kun la verkisto kaj desegnisto de la libro *Elimej en la mondo* de Ŝasi Ayelén Borgogno.

*Barbara Pietrzak, estrarano pri kulturo KN 60*

## TEĴA – Ĵurnalistoj

La oficiala kunveno de Tutmonda E-Ĵurnalisma Asocio ne okazas ĉi-jare, tamen kelkaj E-ĵurnalistoj okazigos neformalan kunvenon hodiaŭ en la 18-a, aŭ babiladon ĉirkaŭ restoracia tablo. Ĉiuj ĵurnalistoj estas invitataj. Ni renkontiĝu ĉe la informejo.

Dieter Rooke, KN 160

## Aldona programero

IKEK (Komunistoj) kunsidos en vendredo, 12h00-13h00 en salono Sekelj.

## Pri eŭskaj aŭtoroj en la libroservo

Okazos mallonga gvidata vizito je la 15h15. La gvidanto estos Xabier Rico Iturrioz kaj Rafael Blanco Arbe (KN 291). Se iu alia persono volas esti gvidata en alia horo aŭ dato, bonvolu turni vin al Xabier Rico Iturrioz (KN 163) pere de la anonctabulo aŭ rete: xabirico@outlook.com

# KER – komunaj skribaj kaj laboratoriaj ekzamenoj




| Tago | Tempo | Kio | Por kiuj | Kie |
|---|---|---|---|---|
| Vendredo | **11.00-11.45** | Laboratoria | B2 parola kaj B2 kompleksa | Borovečki |
| | **12.00-12.15** | Disdono de Diplomoj | Kandidatoj de tutmonda ekz. | Borovečki |
| | **12.15-13.00** | Laboratoria | C1 parola kaj C1 kompleksa | Borovečki |
| | **13.10-13-55** | Laboratoria | B1 parola kaj B1 kompleksa | Borovečki |
| | **14.00-16.00** | Skriba | B1 skriba kaj B1 kompleksa | Borovečki |
| | **14.00-17.00** | Skriba | B2 skriba kaj B2 kompleksa | Borovečki |
| | **14.00-18.00** | Skriba | C1 skriba kaj C1 kompleksa | Borovečki |

Bv. antaŭ la ekzameno pagi ĉe la UEA-kaso kaj kunporti vian kvitancon.
Pri la individuaj ekzamenoj vi devas peti rendevutempon ĉe Katalin Kováts, KN 481.
Bv. alveni ĉiam 10 minutojn antaŭ la ekzamentempo.
Malfruiĝintoj ne rajtos eniri la salonon kaj perdos la ekzameneblon.
Sukceson.

## Informoj pri la KER-ekzameno

Vendredon, je la 12a horo en la salono Borovečki okazos la disdono de la KER-atestiloj pro tiuj, kiuj trapasis ekzamenojn en 2014 en Hispanio kaj kadre de la Tutmondaj ekzamenoj en majo.
Kandidatoj kaj reprezentantoj de tiuj landoj bv. veni transpreni la atestilojn kaj kunfesti.

## NOVAJ ALIĜINTOJ

657 **D-ino Veronika Poór**, Hungario
658 **S-ro Fernando Mojareth O.** Nikaragvo
659 **S-ro S-ro Jarno Riefer**, Germanio
660 **S-ro Cesar Dorneles Soares**, Brazilo
661 **S-ro Joaquim Cabral Netto**, Brazilo
662 **S-ino Liliana Ethel R. González**, Urugvajo
663 **S-ro Humberto M. Hernandez**, Kolombio
664 **S-ro Sebastian Kirf**, Germanio
665 **S-ro Fecundo Ezequiel Fernández**, Argentino
666 **S-ino Rosalina Hatushika**, Brazilo
667 **S-ro Romeo Kozo Hatushika**, Brazilo
668 **S-ro Alexandre Serafim**, Brazilo
669 **S-ro Felipe Pereira**, Brazilo
670 **S-ro Carlos Cediel Diaz Gomez**, Kolombio
671 **S-ro João Paulo do Nascimento**, Brazilo
672 **S-ino Jacqueline Sveda**, Kanado
673 **S-ro Ruben Barros**, Argentino
674 **S-ino Theresa Doell**, Argentino
675 **S-ro Joaquim Diaz**, Argentino
676 **S-ino Eilda Ibaez**, Argentino
677 **S-ro Fabio Monteiro**, Brazilo
678 **S-ino M.E. Quiexoz**, Brazilo
679 **S-ro Reinaldo Jorge Zaghetto**, Brazilo
680 **S-ino Zelia Zaghetto**, Brazilo
681 **S-ino Elizabeta Sekelj**, Hungario
682 **S-ino Ljiljana Sekelj-Milenković**, Serbio
683 **S-ino Lorena Sosa**, Argentino
684 **S-ro Alvaro Dias**, Brazilo
685 **S-ino Valeria Mattos**, Brazilo
686 **S-ro Raimundo Garletto**, Argentino
687 **S-ino Maria Aparecida da Silva**, Brazilo
688 **S-ro Adair Arêda**, Brazilo
689 **S-ino Amélia Barbosa Pinheiro**, Brazilo
690 **S-ino Shirlene Valdete Arêda**, Brazilo
691 **S-ino Sara Barbosa Pinheiro**, Brazilo
692 **S-ro Wagner Farias**, Brazilo
693 **S-ro Ismael H. Loayza**, Argentino
694 **S-ro Lorenzo Perrotto**, Argentino

## Helpu la Bonaeran E-Biblioteko

Ni antaŭdankas pro via donaco por la biblioteko de Bonaera Esperanto-Asocio!
Bonvolu aĉeti libron ĉe la UEA-libroservo kaj lasi ĝin en iu specifa skatolo por tiu celo.

# BONAERA VOĈO

Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

Vendredo, la 1an de aŭgusto 2014 N-ro 5

Ĉie kreskas la afero
Ĉe bonventa Bonaero,
Kie tango de l' espero
Daŭre dancas dum vespero!

*Shin Kiro, plumnomo, preferas anonimecon.*

## Saluton de d-ro Humphrey Tonkin

En mia rolo kiel membro de la Honora Patrona Komitato kaj iama prezidanto de UEA, mi sendas al vi miajn elkorajn salutojn, kaj bedaŭrojn pro mia neĉeesto.

En la bone redaktita Kongresa Kuriero, kiun mi legas en la reto ĉiutage, mi rimarkis, ke s-ro Edmond Jahiel, kiu partoprenis 57 Universalajn Kongresojn sinsekve, ekde 1957, ne ĉeestas la kongreson. Mi tion tre bedaŭras, ĉar li fariĝis kvazaŭ konstanta kaj esenca kongresano. Kiel ĉeestinto de nuraj 51 UK-oj (eĉ ne sinsekve), mi atentigas lin, ke gravas lia partopreno en Lillo - kiu esperEble fariĝos mia 52-a UK – kie mi nepre intencas saluti lin - kaj memorigi lin, ke mi ĉeestis mian unuan kongreson en 1956, unu jaron antaŭ li.

Mi esperas, ke la restado en Bonaero plaĉas al vi ĉiuj, ke la kongreso reprezentos paŝon antaŭen por nia Asocio, kaj ke ni ĉiuj renkontiĝos venontan jaron por festi en Lillo.

## Aŭtora duonhoro

Vendrede, la 1-an de aŭgusto en la libroservo je la 13h45 okazos la aŭtora duonhoro kun la verkisto de la libro *Eŭropa Unio – paŝon post paŝo*, Rafaela Urueña de Hernández.

*Barbara Pietrzak, estrarano pri kulturo, KN 60*

## Vegetarismo

Dimanĉe posttagmeze pli ol dudek homoj renkontiĝis en la Salono Sonnenfeld por priparoli pri vegetarismo kaj Esperanto. La renkontiĝon gvidis Francesco Maurelli, vicprezidanto de TEVA - Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio kaj prezidanto de EVU – Europa Vegetarana Unuiĝo. Raporton pri la ĵus okazinta TEVA-kongreseto en Slovakio sendis Heidi Goes, ĝenerala sekretario de la asocio, kiu varme priskribis la ĉefajn agadojn kaj la entuziasmon de la partoprenantoj. Sekvis diskutrondo pri la kongresa temo: kiel manĝaĵoj rilatas al daŭripova evoluo? Dum la kunsido pluraj faktoroj estis prezentitaj, inter kiuj akvobezono, terobezono, poluado, ankaŭ per la analizo de oficialaj raportoj de FAO (Organizaĵo pri Nutraĵoj kaj Agrikulturo de UN). Eta rekomendo do el la kunveno: manĝu laŭeble plej plantbaze por lasi al niaj nepoj pli bonan mondon.

*Francesco Maurelli, KN 436*

## LIBE-kunsido

En la kunsido de Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj - LIBE (Hess, mardon) ĉeestis 5 handikapitoj kaj 6 interesatoj. La kunsidon gvidis Otto Prytz (Norvegio, KN 344), kiu petis la ĉeestantojn sin prezenti. Pri la akireblo de informoj li konstatis grandan progreson. Kompaktdisko kompilita de la LIBE-kasisto Pier-Luigi faras ankaŭ la retan PIV konsultebla kun klarigo de la simboloj (z = zamenhofaĵo). Kiel membro de la AdE regule konsultante tiun vortaron, li multe profitas de tiu laŭdinda laboro. Sed Da Costa pretigis simile terminaron de kreskaĵoj, “Ne-PIVajn Vortojn” (Cherpillod) kaj la ĝisdatigitan “Enciklopedion de Esperanto” (1933/34). Pri la ĵusa Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj (Hungario) li menciis la komunikon ke la LIBE-biblioteko estos transsendita (el Nederlando) al Herzberg.

*Rob Moerbeek, KN 44*

## Helpu la Bonaeran E-Biblioteko

Ni antaŭdankas pro via donaco por la biblioteko de Bonaera Esperanto-Asocio!
Bonvolu aĉeti libron ĉe la UEA-libroservo kaj lasi ĝin en iu specifa skatolo por tiu celo.

## Sensuka kongresa kuriero

Tiuj ĉi kurieroj estas la plej sensukaj, seninteresaj kaj malprofesie produktitaj ekde kiam mi partoprenas aŭ sekvas kongresojn. Hontu ankaŭ pri la eraroj ortografiaj kaj gramatikaj kaj kelkfoje nevole amuzaj! Per tia laboro ni neniam sukcesos altigi nian organizan reputacion. Domaĝe ! Sensalute.

*Prof. d-ro Hans Konrad Eichhorn, membro de UEA*

*Dankon pro via taksado. La tuta afero ŝuldiĝas kaj al mia manko de sperto pri la funkciado de la kongresa kuriero malantaŭ la kulisoj, kaj al manko de lokaj laborfortoj, kiuj igis min sola transpreni du samtempajn kompleksajn taskojn: zorgi kaj pri la kongresa kuriero kaj raportado por la revuo* Esperanto. *Mi imagis, ke la kongresanoj mem sendos al nia redakcio la sukaĵojn kiujn vi aludas, sed ili ne sendas, malgraŭ tio, ke mi invitis la kongresanojn kunlabori. Kion fari?*
*Mi esperas, ke en Lillo LKK havos sufiĉe da kunlaborantoj pretaj transpreni la taskon aperigi la ĉiutagan kurieron, ĉar mi ŝatus esti tute libera por zorgi nur pri la revuo* Esperanto.
*Finfine, por ke ankaŭ la septembra numero de la revuo* Esperanto *ne estu sensuka, mi esperas ricevi kontribuojn de kompetentaj kunlaborantoj (mi kontaktas potencialajn kunlaborantojn, sed bonvenas spontaneaj kontribuoj). Ĉar ŝajne vi estas unu el tiuj, kiuj povos kontribui, sentu vin invitita sendi sukan kaj konstruan kontribuon por la septembra numero de nia revuo.*
*Mi do kaptas la okazon por refoje substreki, ke la revuo* Esperanto *devas esti kolektiva kreaĵo de la tutmonda esperantistaro. La rolo de la redaktoro ne tiel gravas kiel la partopreno de ĉiuj, kiuj kapablas verki elstare, bonstile kaj en perfekta Esperanto pri la interesvekaj temoj karaj al ni. La redaktoro estu simpla peono, por ke brilu la stelo de la verkemuloj el Esperantujo!*

*Fabrício Valle, KN 181*

### Biletoj por la fermo

La biletojn por la fermo oni disdonos ĉe la informejo. Por ricevi ilin, kio eblos dum la tuta vendredo, vi devos prezenti vian nomŝildon.

**NOVAJ ALIĜINTOJ**

695 **S-ro Mariano Manuel Aloiso**, Argentino
696 **S-ro Ciro Gomes de Freitas**, Brazilo
697 **Leonardo Dicciardelli**, Argentino
698 **Alicia Chilifoni**, Argentino
699 **Veronica Belinsky**, Argentino
700 **Mayra Román**, Argentino
701 **Rodolfo de Contreras**, Argentino
702 **Matias Altalef**, Argentino
703 **Mariano Aloiso**, Argentino
704 **Gustavo Porcel**, Argentino
705 **Ricardo Tempel**, Argentino
706 **Leonardo Hadad**, Argentino

## Ni stimulu la novan generacion

Samideano el Rusio havas 2 filojn, kiuj komencis lerni Esperanton. Ili ŝatus ricevi surpaperan leteron per la poŝto. Mihail Zaharov estas 11 jara knabo. Liaj hobioj estas antikvaj scioj, sporto. Li kolektas bildkartojn, monerojn. Daniil Zaharov estas 10 jara knabo. Liaj hobioj estas antikvaj scioj, legado. Li kolektas monerojn, kalendaretojn kaj gitarludas.
*Adreso: str. Novaja 29 kv 2, pos Isyhskie Kopi, Altajskij rajon, respubliko Hakasio, 655681, Rusio.*

## Ideoj por la organizantoj de UK

Okaze de la aliĝo al UK, ĉiuj aliĝantoj respondu la demandon, ĉu li aŭ ŝi deziras labori en la informado pri la UK kaj Esperanto. Al la sinproponintoj oni donu trejnadon dum la unua tago de la UK. Ĉiuj kunportu Esperantan T-ĉemizon kaj LKK havigu al ĉiuj materialon en la loka lingvo, kun informoj pri la loka movado. Ekzemple, afiŝoj povas esti algluitaj en ĉiuj vendejoj, restoracioj en kiuj la kunlaborantaj kongresanoj aĉetas. Se oni jam aĉetis, oni volonte permesas. Estas ankaŭ interese elpensi strategion por la hoteloj proksimaj al la kongresejo.

Anonimulo

## Unua Libro en la portugala

Brazila Ĉambro de la Lingvo Internacia Esperanto baldaŭ lanĉos la tradukon en la portugala de la *Unua Libro* de Esperanto kiel parton de la kolekto Historiaj Kajeroj. Ĝi disponeblos ĉe la retejo de CBLIE (www.cblie.com.br). Bonvolu elŝuti kaj diskonigi la afiŝon ĉe http://bit.ly/1kpjR9k

*Osmar da Silva Alves KN 272*

BONAERA VOĈO
Kongresa kuriero de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto
Sabato, la 2an de aŭgusto 2014 N-ro 6

# Rezolucio
# de la 99-a Universala Kongreso de Esperanto

Ni, 706 partoprenantoj en la 99-a Universala Kongreso de Esperanto, venintaj el 57 landoj de ĉiuj mondopartoj al Bonaero, Argentino,

Diskutinte en pluraj sesioj pri la temo "Ĉu la nepoj nin benos? Streboj al daŭripova estonteco";

Konstatinte,

ke Esperanto reprezentas plene aktualan strebadon, kun evidentaj ligoj al aliaj esencaj agadoj kadre de la nuntempaj tutmondiĝaj tendencoj,

ke la celado al sanaj, daŭripovaj socioj, bazitaj sur paco, justeco, demokratio kaj ekonomio servanta al la homoj kun respekto al la vivosubtenaj sistemoj de la naturo, kongruas al la interkultura solidareco kiu ĉiam motivis la Esperanto-movadon, kaj

ke en la diversaj aliroj al daŭripovo ofte mankas sufiĉa atento al la ligo inter la lingvaj demandoj kaj aliaj esencaj agadoj, kio donas al ni la taskon daŭre kaj pli efike labori tiukampe;

Alvokas

ĉiujn subtenantojn de Esperanto fari ĉion eblan por plenumi nian apartan rolon kiel movado por justa, konscia multlingvismo, kaj viciĝi inter la diversaj sociaj movadoj por interkultura kaj kontraŭdiskriminacia edukado, homaj rajtoj, naturprotektado, popola klerigado, rimedoŝparaj vivstiloj kaj aliaj;

Deklaras,

ke la valoroj necesaj al la konstruado de daŭripova monda socio estas kernaj valoroj de nia movado, ĉar mondo, en kiu Esperanto daŭre havos sencon, estos mondo, kiu ekonomie kaj ekologie, politike kaj kulture, konservas diversecon, pacon kaj justecon.

**Helpu la Bonaeran E-Bibliotekon**

Ni antaŭdankas pro via donaco por la biblioteko de Bonaera Esperanto-Asocio!
Bonvolu aĉeti libron ĉe la UEA-libroservo kaj lasi ĝin en iu specifa skatolo por tiu celo.

## Intensa interna raportado

Tra la kongresa semajno disiris ĝis nun ses komunikoj. Temis pri tradiciaj retmesaĝoj, ĉar mankas ĉi-jare la pli allogaj kaj modernaj ebloj afiŝi rezultojn en retejoj aŭ sendi vivajn filmojn el diversaj programeroj. Manke de tiuj ebloj, tamen funkciis tradiciaj solvoj, laŭ la sekva skemo:
Komuniko 1: Inaŭguro, parto 1 (simplatekste kaj ilustrita versio kiel PDF)
Komuniko 2: La festparola teksto de Mark Fettes (tekste kaj ilustrita PDF)
Komuniko 3: Inaŭguro, parto 2 (tekste kaj ilustrita PDF)
Komuniko 4: Tago de Konsciigo (kun aldono de lumbildaro pri daŭripova evoluo, uzita tiutage)
Komuniko 5: Tago de Kapabligo (kun aldono de lumbildaro pri la AMO-programo)
Komuniko 6: Komitata Kunsido vendrede (nur tekste)
Tiuj informoj atingis la anojn de la Komitato kaj Konsilio de UEA, la regionajn komisionojn de UEA, la estraron kaj oficejon de TEJO, la estraron, sekciestrojn kaj komitatanojn kaj aktivulojn de ILEI, la retgrupojn <uea-membroj> kaj <e-ins> de ILEI, kelkajn gazetojn, kaj la Landajn kaj Fakajn Asociojn de UEA.

*SMG KN 57*

**RAPORTOJ**

## IKEK - http://www.ikek.org/

En vendredo inter la 12a kaj 13a, en la salono Sekelj 10 kongresanoj diskutis la komunisman utopion. Kelkaj suferis en sia vivo persekutojn pro sia jideologioj kaj agado. Unu el la partoprenantoj proponis edukadprogramon por formi novan homon. Reprezentanto el Ĉinio konfirmis la vivantecon de komunistaj partioj de diversaj landoj. Socialista paro faris intervjuon pri la rolo de komunistoj en UEA.

*Dieter Rooke KN 160*

**TADEN-kunveno**

En la kunveno de Tutmonda Asocio de Esperantistaj Nefumantoj - TADEN (Hess, mardon). Ĉeestis 7 nacioj, entute 8 personoj. La unua ĉi-jara numero de "Puraj Pulmoj", ricevita interrete aŭ ĉi-hore transdonita, enhavas eraran mencion de Urugvajo kiel viktimo de komerc-traktato kun Usono, el kiu Philip Morris sukcesis trudi 3-miliardon da dolaroj pro tabakreklama malpermeso. Tiun sorton trafis la malriĉan Ekvadoron.

Ja okazis ekonomia perdo al Urugvajo, ĉar British American Tobacco kaj Philip Morris komune senpovigis lokan cigared-fabrikon per dumpingo de siaj cigaredoj. En Nederlando ĝeneraliĝis la fummalpermesoj nun ankaŭ al senpersonaraj trinkejoj. Fumas precipe junaj virinoj, apenaŭ regresas la nombro de tabakrilataj mortokazoj, po 19 000 jare. Sed esperigas senfumigo de lernejaj kortoj kaj altigo de la minimuma aĝo permesanta aĉeti fumaĵojn. Alkoholaj drink-bravuraĵoj senkonsciigas precipe knabinojn, festetaj drogoj devus esti kontrolataj.

Usono jam en la 1970aj jaroj liberiĝis de troa fumado. Oni ĝenerale observas la leĝojn, ne nur en Novjorkio. Kelkaj ŝtatoj de Usono liberigis la uzadon de mariĥuano. Ankaŭ en Italio publikaj transportiloj fumliberiĝis. Informado de membro al junaj patrinoj k.a. junuloj ne ĉiam vekas komprenan reagon. Nia ĉeestanto mem suferas la sekvojn de longa pasiva fumado. Batalo kontraŭ fumado postulas grandan sinregon: "Se vi amas viajn infanojn, bonvolu ne fumi ĉe ili".

En Germanio NID (Iniciato de Nefumanto de Germanio) forte agas kontraŭ tabak-uzo.
La e-cigaredo (elektronika) povas esti danĝero pro mortiga dozo da nikotino.

*Rob Moerbeek, KN 44*



**Redaktoro: Fabrício Valle — Enpaĝigisto: José R. Tenorio.**
**Adreso: redakcio@revuoesperanto.org**